# ESPERANTO

Internacia Revuo eldonata de Universala Esperanto-Asocio

Fondinto: H. Hodler, † 1920

Redaktoro: Hans Jakob

Palais Wilson

Genève, Svislando

1942

38-a jaro N-ro 491 (1)

Januaro-Marto

ENHAVO:



Jara abono . . . . Fr. sv. 10.—
(Kun ricevo de la jarlibro & premio)
Anonco:
Korespondado du linioj . . . 1.—
Reklamo:
Kolonero unucentimetra . . 1.—

Poŝtĉeko svisa: Genève 1 2310
Poŝtĉeko franca: Lyon 221-76
Poŝtĉeko sveda: Göteborg 44381
Bokförlaget Kosmos
för Universala Esperanto Asocio

Presita 31 Januaro 1942

## La idea bazo de nia movado.

Ekzistas veroj konataj al ĉiuj kaj tamen forgesataj aŭ neataj. La defendo de l'eternaj veroj estas la tasko neniam ĉesiĝonta de la homaranoj, sub kio ni komprenas la homojn kiuj vidas en la proksimulon, se ne amatan, sed minimume samrange konsideratan estaĵon. Estas unu el la noblaj trajtoj de nia movado, ke ĝi devigas respekti anon de alia nacio aŭ de alia raso, de kio kondukas la vojo al pli alta ŝtupo, al tiu ĉi grandioza maksimo: «amu vian proksimulon.»

«Respektu ĉies patrolandon, sed la vian amu!» Tiel proksimume diris Gottfried Keller. Kaj la celo de la vera kulturo ja estas, evoluigi tiun ĉi jam ŝatindan progreson, al la ĝeneraligo de l'amo.

Esperanto, la lingvo internacia, estas unu el la rimedoj por ekkoni, respekti kaj ami alinacianon. La kreinto de la lingvo, neniel tiom mondfora revulo, kiel iuj supraje opinias, bone konsciis, ke por forigi la malamon inter la nacioj, ne sufiĉas enkonduki, ĝeneraligi lernon kaj uzon de la internacia lingvo. Esperanto nur povas venki en intima kunrilato al certaj ideoj, hodiaŭ troviĝantaj en defenda pozicio.

La Esperantistoj, partoprenintaj la unuajn kongresojn sentis sin kiel veraj apostoloj. La kora atmosfero reginta, la fakto ke parolis homo al homo, ke falis muro malebliginta manon premi de l'aliulo, mirigis ilin ĉiuj. Naskiĝis la interna ideo, gvida principo de la idealismaj esperantistoj. Naskiĝis ankaŭ dua gvidprincipo, tiu de la senkondiĉa neŭtraleco. Ambaŭ batalis inter si. Kelkfoje venkis tiu ĉi praktikismo, vidanta en la lingvo internacia nuran ilon de facila interkompreniĝo lingva, helpilo por komercaj rilatoj.

Sed kio movigis la pionirojn, kio rezultigis la disvastiĝon de Esperanto, ĝian uzadon, ĝian penetron en multajn fakojn de la homa agado? Estas la laboro de la idealismaj samideanoj, tiu ĉi persista penado penplena kaj ofte sendanka, konvinki kaj konverti publikon. Ne pro persona profito ili laboris, sed puŝata de devo-sento. Ilia laboro klariĝas el la kompreno pri la interna ideo.

Neniam formulita tiu ĉi neskribita doktrino esperantista estas praktike nenio alia ol la morala postulo «amu unu la alian.» En la realeco de la moderna vivo, tiu ĉi maksimo sence aplikata kondukas al la respekto de la homrajtoj, de la rajtoj de l'nacioj ekzisti kaj evoluiĝi, de la tolero religia. Hodiaŭ ĉi tiuj principoj estas piedpremataj, pelataj, puŝataj de potenculoj portempaj, persekutantaj same fervore nian movadon. Niaj kontraŭuloj sentis pli bone ol ni mem opiniis, tiun ĉi forton de ideo en nia movado. Kaj anstataŭ malkuraĝigi nin, tiu ĉi sinteno malamika fortigu nin en nia batalo, ĉar ĝi konfirmas la ekziston de idea bazo de nia movado. Venkas ideo sed ne perforto aŭ kiel diris Napoleono «ideoj estas pli fortaj ol kanonoj.»

H. Kürsteiner.

# La helpo al la familio Zamenhof.

## Dekunua raporto: Rerigardo sur 1941.

Redaktinte tiun ĉi raporton finis jaro 1941 kaj konvenas superrigardi ĝin. Plena je surprizoj, pri kiuj eble envios nin estontaj generacioj, ankaŭ nia penado por la Zamenhofa Familio spertis ĉi tiujn surprizojn. Ili konsistis ĉefe en la malgrandiĝo de nia vivspaco, t. e. la ebleco ricevi donacojn kaj sendigi nutraĵojn. Nur kun sagaca eluzo de ekzistantaj kondiĉoj, transformiĝintaj iafoje en efektivaj „kombinoj," ni sukcesis plenumi la ĉefan parton de la programo por 1941: **Sendigi dum la jaro tricenton da kilogramoj de nutraĵoj** al kvinkapa familio Zamenhofa. Kaj monsendon de mil zlotoj.

Kiel ni aludis jam en la deka raporto, la embargo usona grave endanĝerigis nian tutan agadon. Ni ja devis kalkuli je la forta partopreno de niaj usonaj amikoj. Nia timo, ke pligraviĝos ankoraŭ la situacio, veriĝis. Usono kaj preskaŭ la tuta amerika kontinento, al kiu sin turnis la helpserĉanta Eŭropo, nun estas en milito. Miloj da homoj en Eŭropo perdis per tio lastan esperon kaj inter ili ankaŭ ........ ni. Necesas klare ekkoni tion kaj konkludi realece.

Kion ni faru? Ni ne rajtas forlasi tiun ĉi agadon. Ni devas trovi novan vojon. Ekkoninte frue la evoluon de la Eŭropa milito al tutmonda kaj memorante la spertojn dum 1914—1918, ni entreprenis novajn klopodojn. Ni turnis nin al samideanoj en Argentino, en Brazilo, en Urugvajo por instigi ilin partopreni. Ni skribis al niaj britaj samideanoj por ricevi permeson transpagi kolektitan monon en 1940 al ni. Ni proponis, ke ekzistanta sumo el la fundo por Zamenhofa Monumento, iru al la Fundo por savi la familion de l'kreinto de nia lingvo. Estas monumento ne detruebla, savi malsatantojn!

Konklude: Ni devas sukcesi! Kaj ni sukcesos, se la senco de la helpo estas ĉie komprenata. Ni ne dubas, ke tio okazos, tiel ke nia programo por 1942 realiĝu.

### Finkalkulo 1941.

Ĉar mankas ankoraŭ aro da fakturoj kaj konfirmoj, la fina raporto pri 1941, bilanco k. t. p. povas esti farota nur fine de Januaro. La venonta numero de ESPERANTO enhavos la kalkulon.

### Programo 1942.

Dum 1941 ni povis profiti kelkajn avantaĝojn por racia uzo de la kolektita mono, alie dirite, ni povis akiri malplikoste certajn nutraĵojn. Por 1942 tiu ĉi ebleco malgrandiĝas, ni devas uzi ofertojn de komercistoj sen filantropiaj konsideroj. Sentiĝas ankaŭ la forte kreskanta plikariĝo ĉie. Tial ni antaŭvidas, ke dum 1942, ni povos sendigi por sama monsumo nur ⅔ de l'kvanto sendita 1941. Ciferoj: Supozante, ke ni povos kunigi 3000 frankojn, ni disponigos 2000 por nutraĵoj kaj 1000 por monsendoj. Tio signifas laŭ prudenta kalkulo, ke ni povos sendi 250 kilogramojn da variaj nutraĵoj, plej vitaminriĉaj. Ni atentigas ke tiu ĉi sumo entenas ankaŭ la afrankon, kiu estas kelkfoje la duono de la varkosto.

La sekvantaj indikoj rilatas al donacoj ricevitaj aŭ anoncitaj al la Esperantista Interhelpo, Genevo, ĝis la 31a de Januaro 1941. Donacoj faritaj en 1941, iom antaŭ la jarfino, kiuj do ne povis alveni je la datfino, aperos en la venonta raporto.

---

## Monsendoj

*

### Francujo

Kolekto farita okaze de la bankedo dum la Esperantista Kunveno ĉe la Foiro de Lyon, Oktobro 1941: Fr. fr. 375.—
S-ino Lillian Benoist, Le Cannet, A. M., 50.—; Pere de S-ro Vérot, Saint-Etienne, Loire, 40.—; S-ro Vignet, Sisteron, Var: 60.—; S-ro J. Rival, Saint Etienne, 30.—; S-ro Pialla, Nyons, Drôme, 30.—.
Kune: ........ Fr. fr. 585.—

### Italio

S-ro Piero U. Bracci, Livorno ........ 220 Liroj
(Samideano Bracci bonvolis klopodi kaj povis sendigi al Varsovio, toskanan specialaĵon. Elkoran dankon. H. J.)

### Svedlando

Laŭ komisio de IEL kaj de SEF, Sinjoro Ernfrid Malmgren enpagis al la Zamenhofa Fundo / sveda sekcio, Einar Adamson, ĉefdelegito de UEA / la sumon de ...... Kr. 139.71
Tio estas rezulto de kolekto farita inter anoj de S. F. E. nome de: Lektoro B. Beckman, Strängnäs, 10.—; F-ino Hilda Larsén, Hotagen, 1.50; G. Wolmer, Tungelsta, 5.—; Alma Agren, Eskilstuna, 40.—; A. G. Tiller, Tofthyn, 4.—; Malmo Esperantoförening, 15.—; S-ino Hanna Wanhainen, Vittangi, 5.—; Albert Björnemo, Vamhus, 5.—; F-ino Selma Persson, Lerbäck, 10.—; Ernfrid Malmgren, Stockholm, 10.—; La Verda Stelo, Kristianstad, 5.—; A. J., Krylbo, 5.—; Hj. Kihlberg, Vingaker, 2.—; Paul Isacsson, Älgaras, 2.—; E. P. Hälsingborg, 0.21; F-ino Maria Andersson, Kungsgarden, 5.—; K. J. Moberg, Angby, 5.—; E. Brenander, Fyrunga, 10.— kronoj.

Kolekto de UEA, per la sveda ĉefdelegito en Göteborg:
S-ro A. Kristiansson, Surte, 2.—; Okcidentsveda distrikto de SLEA, 20.—; S-ro Ch. Schuldenfrei, Boras, 3.50; S-ro Oscar Persson, Göteborg, 1.—; S-ro Arvid Karlsson, Göteborg, 5.—; S-ro Kurt Lindström, Agnesberg, 2.50.
(Listo 8, n-roj ordaj 72 77) Tuta sumo .... Kr. 34.—
Ambaŭ sumoj kune: . Kr. 173.71

### Svislando

S-ro Ardüser, Bern, 5.—; S-ro Schweingruber, Genève, 5.—; S-ro Georges Stroele, Neuchâtel, 5.—; D-ro Edmond Privat, Locarno, 10.—; S-ro O. Walder, ĉefdelegito de IEL, Romanshorn, 5.—.
Kune: Fr. sv. 30.—

### Urugvajo

Dank'al klopodo de nia Delegito Alfredo Klein, alvenis donacoj de
S-ro B. Berger, 5.—; S-ro Alfredo Klein, 5.—; S-ro R. Z. Morales, 3.—; S-ro R. Garcia, 2.—; S-ro F. Menendez, 2.—; S-ro V. Cao Cabanas, 2.—; S-ro A. Giacco, 1.50; S-ro Pedro Casas, 1.—; S-ro J. P. Arbouet, 1.—; S-ro D-ro E. Pfefier, 1.—; S-ro Guillermo Garino, 1.—; S-ro J. Jazansky, 1.—; F-ino A. Weinstein, 1.—; F-ino Rosa Sugar, 1.—; S-ro D-ro König, 1.—; S-ro Julio Guinovart, —.50; S-ro Do. Barro, —.50; S-ro Gabarain Gervasio, —.50; S-ro Emilio Cambrella, —.50; S-ro D-ro Kleinmann, 1.—.
Ĉiuj en Montevideo. Tuta sumo en pesoj: 32.50 kio korespondas al 60.— Fr. sv.
Plie S-ro Alfredo Klein donacis per letero del' 29a de Oktobro sumon de 20.— Frk. Ambaŭ sumoj kune . . . Fr. sv. 80.—

Donacoj kolektitaj laŭ raporto 11: .... Fr. sv. 339.50
Antaŭa listo (ESPERANTO, p. n-ro 490, p. 30) Fr. sv. 2047.15
Tuta sumo kolektita 1941: ........ Fr. sv. 2386.65

Genève, 31 decembro 1941.

UNIVERSALA ESPERANTO ASOCIO
Esperantista Interhelpo.

Erich Maria Remarque:

# Amu vian proksimulon!

„En okcidento nenio nova," titolis la unua romano de Remarque vivanta nun en Usono. Kaj io nova de l'okcidento estas lia nova romano germanlingva, aperinta ankoraŭ en la lastaj tagoj de Decembro 1941. Aktualan temon li elektis...... la vivon de l'ekzilitoj, persekutitoj, la nedezirinduloj.

„Mizera areto da elradikitoj kaj forpelitoj, ĉasitaj de l'burokrata egoismo de lando al lando. La linio de l'ombroj dissolviĝas en sangoplenaj sortoj individuaj, strangaj viv-vojoj interkruciĝas, homaj mirakloj de bonfaro kaj de malico ekvidiĝas kaj tra la ŝanĝantaj pejzagoj ni sekvas la historion de brava, esperanta kaj konfidanta juna amo"..... diras la enkonduko de tiu ĉi romano. Kun la permeso de la editejo Berman-Fischer Verlag en Stockholm, ni represas ĉapitron.



Estis deka horo vespere. Steiner, Marill, Ruth kaj Kern kunsidas en la kafejo „Mère Margot". La kelneroj komencis kunigi la seĝojn kaj purigi la plankon. La kato ĉe la kaso streĉiĝis kaj saltas suben. La estrino dormis, solide envolvita en lana jako. De tempo al tempo ŝi malfermis gardeman okulon.

„Mi kredas, ke oni volas nin forpeli de tie ĉi", diras Steiner signovokante la kelneron. „Estas jam tempo," Ni devas iri ĉe Edith Rosenfeld. Patro Morico alvenis hodiaŭ."

„Patro Morico?" demandas Ruth. „Kiu estas?"

„Patro Morico estas la veterano de la emigrantoj, respondis Steiner." Sepdekkvin jaraĝa, eta Ruth. „Li konas ĉiujn landlimojn, ĉiujn urbojn, ĉiujn hotelojn, ĉiujn pensionejojn kaj privatloĝejojn kie oni povas loĝi, sen esti anoncita ĉe la polico. Li konas la mal liberejojn de kvin kulturŝtatoj. Li nomiĝas Morico Rosenthal kaj originas de Godesberg ĉe l'Rejno."

„Mi konas lin," diris Kern. „Mi foje iris kun li de Ĉeĥoslovakio al Aŭstrio."

„Kaj mi de Svislando al Italio," diris Marill.

La kelnero alportis la kalkulon. „Ankaŭ mi faris kelkajn landlimojn kun li," diris Steiner. „Ĉu vi havas botelon da konjako por kunpreni?" li demandis la kelneron. „Courvoisier? Sed laŭ magazena prezo, nature."

„Momenton, mi demandas la estrinon." La kelnero iris al la dormetanta lanjako. Ŝi malfermis okulon kaj kapjesis. La kelnero revenis serĉis botelon de la regaloj kaj donis ĝin al Steiner, kiu enpoŝigis ĝin.

En tiu ĉi momento malfermiĝis la pordo de la kafejo al la strato kaj ombrosimila persono eniras. La estrino viŝis la buŝon, oscedis kaj malfermis ambaŭ okulojn.

La kelneroj faris malkontentajn mienojn.

La viro, kiu envenis, iris silente kiel somnambulo tra la tuta gastejo al la granda krado, sur kiu, super ardantaj lignokarboj turniĝis kelkaj kokidetoj ĉe la rostostango. La viro ekzamenis la kokidetojn kun okuloj kvazaŭ Röntgen-aparato. Kiom tio kostas?" li demandis la kelneron.

„Dudekses frankojn,"

„Kaj tiu ĉi?"

„Dudekses frankojn."

„Ĉu ĉiuj kontas dudekses frankojn?"

„Jes."

„Kial vi ne diras tion tuj al mi?"

Ĉar vi ne demandis min tuj."

La viro levas la rigardon. Tra la somnambuleco penetris momente sana kolero. Tiam li indikis la plej grandan kokideton." „Donu tiun-ĉi!"

Kerner puŝis Steiner, kiu atenteme observis. Lia buŝo moviĝetis.

„Kun salado, terpomoj, rizo?" demandis la kelnero.

„Kun nenio. Kun forko kaj tranĉilo. Donu ĝin."

„Estas la Poulet. La kokidfrandemulo, fakte."

Steiner kapjesis. „Estas li. La **Poulet** el la malliberejo de Vieno.

La viro eksidis ĉe tablo. Li elprenis sian leterujon kaj kalkulis la monon. Li formetis kaj disfaldis solene la buŝtukon. Antaŭ li pompis la rostita kokideto. La viro levis la manojn kiel pastro, kvazaŭ li volus beni ĝin. Radianta, sovaĝa satisfakcio esprimiĝis. Tiam li ĝin levis de la plado sur sian teleron.

„Ni ne ĝenu lin," rikanis Steiner mallaŭte. „Li certe pene perlaboris sian Poulet."

„Kontraŭe, mi proponas, ke ni tuj fuĝu!" respondis Kern. Mi lin spertis dufoje. Ambaŭ en la malliberejo. Ĉiufoje oni lin arestis en la momento kiam li volis manĝi rostitan kokideton. Laŭsperte devas do baldaŭ veni la polico!"

Steiner ridis. „Antaŭen! Prefere ĉe jarfina festo inter la senheredigitoj de l'sorto, ol en la polica arestejo de la prefekturo!"

Ili foriris. Ĉe la pordo ili ankoraŭfoje rigardis returnen. La kokidfrandemulo detranĉis ĝuste brunan, krustan femuron de l'korpo de la kokido, rigardis ĝin kiel pilgrimanto la Sanktan Tombon kaj mordetis piece, poste decide kaj kun grandega manĝemo en ĝin.



Edith Rosenfeld estis gracia, blankhara virino sesdeksesjara. Ŝi venis antaŭ du jaroj kun sep infanoj al Parizo. Ses el ili ŝi sukcesis lokigi. La plej aĝa filo foriris kiel kuracisto en la milito ĉin-japana; — la plej aĝa filino, studinta filologion en Bonn, trovis oficon de servistino en Skotlando, per la Helpo por Rifuĝintoj; — la dua filo finis en Parizo la ŝtatan ekzamenon pri juro; ne ricevinte praktikon, li fariĝis kelnero en la Carlton Hotel en Cannes; — la tria elmigris Bolivion, — kaj la dua filino laboras en oranĝplantejo en Palestino. Restis nur ankoraŭ la plej juna filo. Por li la Helpo por Rifuĝintoj serĉis eblecon, lin sendi kiel ŝoforon Meksikon.

La loĝejo de Edith Rosenfeld konsistis el du ĉambroj; — unu pli granda por ŝi, kaj pli malgranda, en kiu loĝis la lasta filo, la aŭtofanatikulo Max Rosenfeld. Kiam Steiner, Marill, Kern kaj Ruth alvenis, jam kolektiĝis ĉirkaŭ dudek personoj, — ĉiuj rifuĝintoj el Germanujo, iuj kun, la pli multaj sen laborpermeso. Kiu povis, kunprenis ion por trinki. Kaj preskaŭ ĉiuj la malkaran francan vinon. Steiner kaj Marill kun konjako sidis kvazaŭ du abutmentoj inter ili. Ili malavare verŝis, por eviti senutilan sentimentalecon.

Morico Rosenthal venis je la dekunua horo. Kern apenaŭ lin rekonis. Li ŝajnis maljuniĝinta de dek jaroj, de antaŭ unu jaro. La vizaĝo estis flava, sensanga kaj li marŝis pene ĉe bastono kaj malnovmoda lambastono el eburo.

„Edith, mia amikino," jen mi estas. Mi ne povis veni pli frue. Mi estis tre laca." Li kliniĝis por kisi la manon, kio ne sukcesis. Edith Rosenfeld leviĝis, ŝi estis gracila kiel birdo. Ŝi premis la manon kaj kisis lin sur la vangon.

„ Mi kredas, ke mi maljuniĝas," diris Morico Rosenthal. „Mi ne plu povas kisi al ci la manon. Sed ci min kisas sentime sur la vangon. Aĥ, jes, se mi estus ankoraŭ sepdek!"

Edith Rosenfeld rigardis lin kaj ridetis. Ŝi ne volis montri al li, kiom terurigite ŝi estis, ke li aspektis tiom mizere. Kaj Morico Rosenthal ne montris al ŝi, ke li sciis, kiom ŝi teruriĝis. Li estis trankvila kaj serena. Li venis Parizon por morti. Li rigardis ĉirkaŭ si. „Konataj vizaĝoj," li diris. „Kiu ne apartenas al iu, renkontiĝas ĉie. Stranga historio. Steiner, kie tio okazis lastan fojon kun ni? Ĝuste, en Vieno. Kaj Marill!"

En Brissago kaj pli malfrue en Locarno, en polica aresto, ĉu ne? Kaj jen estas ankaŭ Klassmann, la Sherlock Holmes de Zürich! Jes, mia memoro funkcias ĉiam ankoraŭ proksimume. Kaj Waser! Brose! Kaj Kern el Ĉeĥio! Meyer, la amiko de la Carabinieri en Pallanza! Dio mia, la malnovaj belaj tempoj, miaj infanoj! Nun jam ne plu funkcias tiel. La kruroj ne plu volas."

Li eksidis. „De kie vi venas nun, patro Morico?" demandis Steiner.

„De Basel, infanoj, mi al vi diras nur unu aferon: evitu l'Alsacon! Estu prudentaj en Strasburgo kaj fuĝu antaŭ Kolmar! Atmosfero de malliberejo. Mathias Grünewald kaj lia altaro de Isenheim nenion efikis. Tri monatoj da malliberejo pro neleĝa enveturo; ĉia tribunalo aliloke kondamnas nur ĝis dekkvin tagoj. Ĉe dua fojo ses monatoj. Kaj la malliberejoj estas pundomoj. Resume: evitu Kolmar'on kaj l'Alsacon, infanoj. Iru tra Genevo!"

Kaj kiel estas nun la situacio en Italio?" demandis Klassmann.

Morico Rosenthal prenis glason da vino. Liaj manoj tremetis forte, kiam li levis la glason. Li hontis kaj remetis la glason. „Italio estas plena je agentoj germanaj," li diris. „Nenio plu por ni."

„Kaj Aŭstrio?" demandis Waser. „Aŭstrio kaj la Ĉeĥoslovakio estas muskaptiloj. Francujo estas la sola lando, kiu restis por ni en Eŭropo. Klopodu, ke vi restu tie ĉi."

„Ĉu ci ion aŭdis de Mary Altman, Morico?" demandis Edith Rosenfeld post momento. „Ŝi estis lastfoje en Milano."

„Jes, ŝi estas nun kiel servistino en Amsterdam. Ŝiaj infanoj estas en Hejmo de emigrantoj en Svislando. En Locarno, mi kredas. Ŝia edzo estas en Brazilio."

„Ĉu vi ŝin parolis?"

„Jes, mallonge antaŭ ŝia forveturo de Zürich. Ŝi estas feliĉega, ke ĉiuj estis lokigitaj."

„Ĉu vi ion scias de Josef Fessler?" demandis Klassmann. „Li atendis en Zürich ricevi restadpermeson."

„Fessler sin mortpafis kun la edzino," respondis Morico Rosenthal tiom trankvile, kvazaŭ li rakontus ion pri la abelbredado. Li ne rigardis Klassmann'on. Li okulumis la pordon. Klassmann ne respondis. Kaj neniu alia ion diris. Silento momenta. Ĉiu ŝajnigis esti nenion aŭdinta.

„Ĉu vi renkontis Friedmann'on ie?" demandis Brose.

„Ne, sed mi scias, ke li sidas en malliberejo en Salcburgo. Lia frato revenis Germanujon. Laŭdire li estas nun en edukkoncentrejo."

Morico Rosenthal prenis la glason kun du manoj, prudente kiel pokalon kaj trinkis malrapide.

„Kion faras nun la Ministro Althoff?" demandis Marill.

„Li fartas bonege. Li estas nun taksiŝoforo en Zürich. Permeso por restadi kaj labori."

„Nature!" rikanis la komunisto Waser.

„Kaj Bernstein?"

Bernstein estas en Aŭstralio. Lia patro en Orientafriko. Max May havis specialan ŝancon; li fariĝis asistanto de dentkuracisto en Bombay. Nigre nature, sed li havas almenaŭ por satmanĝi. Löwenstein finis ĉiujn ekzamenojn de advokato en Britujo kaj estas nun advokato en Palestino. La aktoro Hansdorff estas ĉe la urba teatro en Zürich. Storm pendigis sin. Ĉu vi konis la registaran konsilanton Binder, en Berlino, Edith?"

„Jes."

„Li eksedziĝis. Pro la kariero. Lia edzino estis ia Oppenheimer. La virino venenigis siajn du infanojn kaj sin mem." Morico Rosenthal pripensis momenteton. „Tio estas proksimume ĉio, kion mi scias," li tiam diris. „La ceteraj vagadas ĉien. Nur la nombro pliiĝis."

Marill verŝis konjakon. Li uzis la akvoglason, kiu havis surskribon „Gare de Lyon," Estis memoraĵo al la unua arestigo kaj li kunportas ĝin ĉiam. Li eltrinkis la glason. „Informriĉa kroniko!" li klarigis. „Vivu la detruo de l'individuo! Ĉe la antikvaj grekoj, la pensado estis distingo. Poste ĝi iĝis feliĉo. Pli malfrue malsano. Hodiaŭ ĝi estas krimo. La historio de la kulturo estas la suferado de tiuj, kiuj ĝin kreis." Steiner rikanis. Marill same. Sammomente ektintis ekstere la sonorilegoj. Steiner rigardis en la vizaĝojn ĉirkaŭ li, — la multaj malgrandaj sortoj, blovitaj de la vento de l'fato kune tie ĉi — kaj li levis sian glason. „Patro Morico!" li diris. „Reĝo de la migrantoj, lasta ido de Ahasvero, eterna emigranto, estu salutata de ni! Diablo scias, kion la jaro alportos al ni! Vivu la subtera brigado! Tiom longe, ke oni estas tie ĉi, nenio estas perdita!"

Morico Rosenthal kapjesis. Li levis la glason kontraŭ Steiner kaj trinkis. En la fono de la ĉambro iu ridis. Eksilento. Ĉiuj rigardis sin embarase, kvazaŭ oni estus kaptinta ilin, je io malbona. El la strato aŭdiĝas vokoj. Artfajraĵo bruis. Taksioj klaksonis preterrulante. Sur balkono de la domo kontraŭa, malgranda viro ekbruligis verdfajraĵon. La tuta fronto eklumiĝis. La verda lumo penetris la ĉambron de Edith Rosenfeld kaj igis ĝin fantazia, — kvazaŭ ne estus ia ejo en ia hotelo de Parizo, sed kajuto en ŝipo pereinta, profunde sub la akvo.

(Tradukis: François Hayotte)

# Esperanto dum la tutmonda milito

*Kaj nin ne timigas la noktaj fantomoj*
*Nek batoj del'sorto, nek mokoj de l'homoj*

La kalvario de nia ideo ne finis ankoraŭ. Kvindekkvin jaroj post la apero de la „Unua Libro," post esperigaj sukcesoj, ni staras antaŭ domo parte detruita. Ĉu ni malesperu nun, opiniante ke ĉio estas vana? La respondo estas simpla. Ĉiu nova vero por iĝi ĝenerala bezonas sian tempon de maturiĝo. Dum la marŝo al la venko, ideo renkontas kontraŭstaron; el la spertoj oni lernas eviti faritajn erarojn. Kion travivas nia ideo hodiaŭ, aliaj ideoj travivis, rezistis kaj venkis fine.

Tiaj pensoj trairas la cerbon, provante fari bilancon de l'agado. Jam ni spertis militon en 1914—1918. Malsimile entute estas la nuna situacio, ne nur ĝenerale, sed ankaŭ de nia afero. Karakteriza trajto de la nuna situacio estas la multe pli grava atento, kiun donas registaroj al nia movado. Dum 1914—1918 neniu registaro malpermesis la uzon de la lingvo, nek la propagandon por ĝi. Oni malpermesis en grava lando la eniron de nia gazeto, pro ĝia paciga tendenco.

La sekvantaj linioj informas koncize pri la situacio de nia ideo en la mondo, ne rozkolorigante, nek nigrigante. Ni vidu la realecon tia kia ĝi estas. Por eterna ideo, kia estas la internacia helplingvo, tiu ĉi milito kiom ajn doloriga ĝi estas, estas nura epizodo. Esperanto ne estas mortigebla.

---

Ni komencu nian mondvojaĝon en la Oriento. En Japana Imperio, Esperanto ne renkontis malhelpon. Dum 1941 aperis regule kaj akurate la esp. periodaĵo, REVUO ORIENTA, ĉiam je sama amplekso, 24 paĝa. Okazis kongreso de la japanaj Esperantistoj. En Manĉukuo troviĝas esperantistaj aktivaj en Dairen (Dalny), en Hsinking (Sangŝun Hsian) en Harbin kaj en Mukden. Izolaj esperantistoj agadas en Koreo (Ĉosen).

En la vastega ĉina regno, Esperanto vivas ankoraŭ en kelkaj gravaj urboj: Sanghajo, Kanton, Hongkong. En la libera parto estas ĉefe Ĉung-King kie aro da samideanoj klopodas. Aperis regule HEROLDO DE ĈINIO, periodaĵo ĉefe dediĉata al la diskonigo de militinformoj.

De Hindujo ne plu venis novaĵoj. Persistas kelkaj izolaj samideanoj en Kalkuto, Bombay, Madras.

Pro internaj kvereloj la movado en la Soveta Respublikaro paraliziĝis. La iam florinta organizaĵo „Sovetlanda Esperantista Unuiĝo" ne plu funkcias. Laŭdire ĝi estis dissolvita per la registaro. La librofako troviĝas sub sekvestro.

La militaj okazintaĵoj kaj la sekvinta okupacio forviŝis la movadon en Polujo, en Estonio, Latvio kaj Litovio. Kvinjaro pasis je la 15a de Junio 1941, kiam la agado por Esperanto, parte eĉ la uzo de la lingvo estis malpermesitaj en Germanujo. La sinteno de la Tria Regno kontraŭ ĉiaj movadoj internaciaj, inter ili ankaŭ Esperanto manifestiĝas ankaŭ en la landoj, sub germana kontrolo. La naciaj societoj de Esperanto en Norvegio, Danlando, Belgujo, Nederlando, ne plu funkcias aŭ vegetas. La Internacia Instituto de Esperanto en la Hago estis fermita laŭ registara ordono.

En la Nordo, firme sin tenas nia afero en Svedlando. Regule aperas LA ESPERO, organo de la Sveda E-Federacio kaj la Laborista Esperantisto, gazeto de la Laboristaj samideanoj svedaj. Okazis naciaj kongresoj. Inter ĉiuj landoj de l'kontinento eŭropa, Svedlando okupas unuan lokon en la agado por nia afero. En Finnlando la du militoj ja komprenigas nunan halton.

En la sudo de Eŭropo, la uragano kiu pasis en 1941 nuligis tion kio ankoraŭ ekzistis. Neniaj novaĵoj pri niaj amikoj en Greklando, en estinta Jugoslavio. La Rumana societo dissolviĝis. Konata pioniro en Rumanio, Henriko Fischer-Galati, elmigris kaj troviĝas nun en Istanbulo. En Kroatio la movado estas suspektata. Bofratino de samideano D-ro Ivo Lapenna en Zagreb sin mem-mortigis.

Kontraŭe la movado persistas bone en Bulgario. Spite militon, la grupa vivo daŭras, aperis la nacia periodaĵo Bulgara Esperantisto (dufoje) kaj en Sevlievo la kuraĝa defendanto de kulturaj celadoj „Frateco".

En Hungarlando, Esperanto ĝuas certan respekton. Tion ĝi dankas al la utiligo de la lingvo flanke de la hungaraj samideanoj, por la diskonigo de la naciaj pretendoj, realiĝintaj grandparte en 1941. Nenia malhelpo do ekzistas en la uzo de Esperanto. La grupa vivo ja same suferis, sed ĝi ekzistas! Okazis landa kongreso, kelkfoje oni aŭdas dissendojn en nia lingvo de la stacio en Budapesto. Aperis kelkfoje la periodaĵo HUNGARA HEROLDO, kun enhavo laŭtempa, informante pri hungaraj okazaĵoj.

La Budapeŝta Foiro ĉiam uzas nian lingvon, kaj en 1941, Informejo Esperantista organizitan de HES daŭrigis tradicion.

En Italio, la nacia societo ĉesigis la agadon. Izolaj samideanoj tamen klopodas. En Hispanujo iom post iom retroviĝas samideanoj, sed societo agado estas ne ebla. En Portugalo la societo agado persistas, eĉ floretas.

En Francujo, la katastrofo en 1940 paralizis dum kelka tempo la grupan vivon. Ĝi reprenis en kelkaj centroj kiel en Lyon, en Marseille, en Saint Etienne k. a. kie prefektaj ordonoj rajtigas porti la insignon. Kursoj okazis kaj okazas en aro da lokoj. Aperas regule „Comprendre", ciklostile presita periodaĵo de l'Universitata Federacio Esperantista. Malmultaj estas la novaĵoj el la okupita parto, kie la vivo estas submetita al fremda reĝimo. En Parizo, la Centra Librejo Esperantista remalfermiĝis dum 1941, la esperantistoj kunvenas sed ne povas ion entrepreni.

Meze de Eŭropo, la paca insulo Svislando sin energie defendas kontraŭ la militsekvoj, la blokado kaj la halto de ĉiaj aktivecoj. Nia movado restariĝas, revenas la intereso. Regule aperas la SVISA ESPERO, okazis la kutima svisa kunveno, neniel supozigante ke furiozas ĉion detruanta milito.

En Ĝenevo kie sidas Universala Esperanto Asocio, kreiĝis impona servo por militviktimoj esperantistaj. Dank'al la speciala situacio de Ĝenevo unuflanke kaj de la rolo de Svislando alifianke, realiĝas tie ĉi servoj, aliloke tute ne eblaj. La Ruĝa Kruco kaj la Verda stelo, du simboloj de interhoma agado, malsamaj sed similaj en la etiko, sin renkontas tie ĉi. Konsiderante la gigantan agadon de la Ruĝa Kruco (kontraŭ kiu tiu de UEA estas ja nura grenero) sin trudas la penso, kiom ni estus povintaj utili al niaj samideanoj kaj al aliaj, se ne estus okazintaj ceraj eksteraj ŝanĝoj kaj la internaj kvereloj.

Last but not least . . . . . . Britujo! Blokita de la eŭropa kontinento, la brita insulo ŝajnas hodiaŭ esti malproksimega por eŭropanoj. Kun spiro retenita oni sekvis la militokazintaĵojn kaj ne malmultaj atendis la finon de la brita rezisto. Citadelo de libereco, la brita insulo estas ankaŭ por ni esperantistoj fortikaĵo: la sola granda lando kie nia movado floris kaj kie ĝi povas libere disvolviĝi. Malgraŭ la tempo kiun bezonas hodiaŭ sendaĵo por atingi nin, ĉiudumonate venas la BRITISH ESPERANTIST kun multaj informoj. Kunvenoj kaj kursoj okazas, kaj se ne estus informoj pri amikoj mobilizitaj aŭ frapitaj de la militokazaĵoj, oni ne kredus, ke tiu ĉi lando trairas epokon kiu decidas pri ĝia ekzisto kiel imperio. Resume: Esperanto bone fartas en Britujo. — De Irlando venis kelkfoje informoj pri loka agado.

El Afriko malmultaj novaĵoj. La kelkaj samideanoj en la kolonioj, inter ili misistoj diverskonfesiaj, vivas hodiaŭ kvazaŭ izolitaj.

De Ameriko novaĵoj pri nia movado ne estis abundaj. Funkcias la organizaĵoj en Kanado, Usono, Argentinio, Brazilio. De tiu ĉi lasta, ĝojigaj sciigoj pri faktoj atingis nin dum 1941. Florenta grupa vivo, kursoj, eldono de libroj, ĉio dankata al persista penado de pioniroj.

En Aŭstralio kaj Novzelando la grupa agado ne ŝanĝis kontraŭ la antaŭmilita tempo. Sola pasivaĵo: En ĉiuj landoj de la Brita Imperio oni povas skribi en Esperanto al ne-brita eksterlando, escepte Aŭstralio kaj Novzelando!

Finas nia mondvojaĝo. Esperanto ne pereis, anstataŭ laŭte paroli, ĝi nur flustras nuntempe. Devo de ĉiuj aktivaj esperantistoj en nuna horo estas, ne manki la okazon, atentigi pri nia afero, rimarkigi pri la aktiveco en landoj liberaj, pri la solidareca spirito interesperantista kaj ankaŭ pri la praktikaj servoj plenumebla kaj plenumataj per nia organizo. Spite ĉiuj okazaĵoj, ne ekzistas kaŭzo por forlasi ideon, kiu ne estas mortigebla. Esperanto vivas kaj vivos.

---

## Internaciaj organizaĵoj.

La aktiveco de la internaciaj organizaĵoj esperantistaj senteble limiĝis. Malsimile al la pasinta mondmilito, dum kiu ekzemple UEA entreprenis vastan help-agadon por ne-esperantistoj, la nuna situacio ne permesis tion. La ampleksa perado-servo de UEA komencita en 1939 ĉesiĝis entute, pro la malpermeso interŝanĝi eĉ familiajn korespondaĵojn. Plej grava estas la malpermeso de nia movado en la Tria Regno kaj en la landoj sub ĝia kontrolo. Korespondanto skribis al ni el Berlino: **„Tie ĉi la nomo Esperanto perdis ĉiun krediton, ĉar ĝi estas konsiderita kiel angla-judbolŝevika kombinaĵo."** Nu, tiun ĉi muzikon oni ja konas, ĉio kio ne konvenas tie, estas tutsimple bolŝevikaĵo.

Tiu ĉi sinteno de la Tria Regno malutilas ankaŭ en alia maniero. Dum la jaroj 1914—1918 nia servo povis sendi milojn da lernolibroj, legolibroj kaj legaĵoj ĉiaspecaj al la militkaptitejoj en Germanujo. Tio ne estas eble nun. Grava ŝanco varbi novajn amikojn inter militkaptitoj enuiĝantaj perdiĝis.

UEA adaptis sin al la cirkonstancoj nunaj. Aperas la gazeto ESPERANTO, ligilo interesperantista. Plej grava estas la agado por helpi viktimojn, samideanojn forpelitajn kaj forpelotajn de la hejmlando. Pro la helpo al la familio de nia majstro, ebla dank'al ekzisto de UEA kaj al la bonvola subteno flanke de l'Esperantistoj.

En Britujo daŭrigas sian agadon la Internacia Esperanto Ligo, ĉefe apogata de la britaj samideanoj. Ĝi povis aperigi la Jarlibron kun suplemento kaj aperigi la gazeton, iom reduktitan laŭ amplekso. La oficejo de IEL en Rickmansworth gastigas ankaŭ la oficejon de la Brita Esperanto Asocio kaj ambaŭ estas direktataj de C. C. Goldsmith. Rilate al komunesperantista klopodado, la Helpo Zamenhofa, IEL deklaris sin preta partopreni kaj apogi la iniciaton de UEA.

Sennacieca Asocio Tutmonda (SAT) ne funkcias. La posedpreno de Nederlando per la Tria Regno aŭtomate nuligis la agadon. Ĝia spirita gvidinto, Kamerado A. Lanti troviĝas en Meksikio (adreso: C/o S-ro José Serrano, Central de Talabarieros 72, Col. P. Carranza, Mexico D. F.) — La estinta redaktoro de SENNACIULO, Norbert Barthelmess, estis internigita komence de la milito en Francujo. Post la katastrofo en 1940 li povis reiri sian devenlokon, Düsseldorf en Germanujo. Antaŭ nelonge SAT rondo en Los Angeles eldonas ciklostilan periodaĵon SATANA BULTENO (Adreso: Satana Bulteno, P. O. Box 6475 Metro Station, Los Angeles, Cal.)

La Internacia Cseh Instituto de Esperanto, sidanta en La Hago, devis interrompi sian agadon post la okupo de la lando. Iom pli poste Andreo Cseh sukcesis eldoni ree la ŝatatan periodaĵon LA PRAKTIKO; sed dum Aprilo 1941 la aŭtoritato malpermesis ĉiun agadon, konfiskis la havaĵon k. t. p. Saman sorton suferis tuj la eldonejo de HEROLDO DE ESPERANTO en Scheveningen.

---

Finas nia rondvojaĝo. Leganto konstatas, ke, se Esperanto ne aperas publike ĝi vivas en la koroj de la miloj kaj miloj, kantintaj plenfide la himnon LA ESPERO. Kaj plene pravas paroloj poetaj:

**En ĉiu mondparto, en ĉiu ter-zon',**
**En koroj de centoj da miloj,**
**Jam vibras por nia saluto reson',**
**Do kantas de l'tero ni filoj:**
**Tagiĝo, tagiĝo radias en rond?**
**La ombroj de nokto forkuras el mond'.** H. J.

---

## Korespondado.

**Eschavannes-Saint Marcel** (Francujo, Saône et Loire). — S-ro Marc Morlin, chez Mr. Oudot, 18 jara junulo franca, deziras korespondi en Esperanto kun korespondantino samaĝa, ĉu hispana, ĉu portugala.

**Billesholm** (Svedlando). S-ro K. Erik Eriksson, PM-interŝanĝo. Sendu nombron da p. m. kaj mi sendos samnombre da svedaj p. m. Kunsendu unu respondkuponon.

**Pécs** (Hungar.). S-ro Jozsef Somogyi, Megyeri ut. 14/16 16 jara junulo, gimnaziano kolektas PM, dez. korespondi kun studentino aŭ studento.

**Stockholm** (Svedlando). La loĝio Kungsholmen de I. O. G. T. festas sian 60-jaran jubileon kun internacia letervespero la 18-an de februaro 1942. Estimataj samideanoj! Adresu viajn skribaĵojn al Ludvig L. Landin, Alströmergatan 32, IX, Stockholm. Ni respondos.

Por samideanoj en Svislando, Portugalio kaj aliaj landoj: ĉe ni troviĝas interesaj filatelistoj!

# Niaj Mortintoj.

**Kun bedaŭro ni sciiĝis pri la forpaso de jenaj samideanoj. Al iliaj familioj ni sendas esprimon de nia kora simpatio.**

**Pro la eksterordinaraj cirkonstancoj de la nuna tempo aro da komunikoj atingis nin malfrue.**

---

**Sinjoro Leo Belmont,** 19 Oktobro 1941, 76 jara en Varsovio. — La nombro de la unuaj disĉiploj de nia Majstro malpliiĝas, jen malaperis post longa malsano, Leopold Blumental, verkisto, ĵurnalisto kaj poeto, konata inter ni sub la nomo Leo Belmont. Li apartenis al tiuj junuloj de la unua esperantista generacio, brilanta per steloj de unua grado.

„Vi venkos, Sinjoro," tiel skribis Belmont, ekkoninte Esperanton, al D-ro Zamenhof. Kaj fidela li restis ĝis la morto. Konata verkisto poliingva, li multe subtenis la naskiĝintan movadon per sia plumo. En la movado li okupis aron da oficoj, inter alie li estis membro de la Lingva Komitato kaj del'Akademio.

Inter liaj verkoj en Esperanto, krom multegaj artikoloj en esp. periodaĵoj, ni citu, gramatikon en versoj mnemonikaj por poloj, tradukoj el polaj kaj alinaciaj poetoj kunigitaj en SONOJ ESPERANTAJ, plie tradukon de la verko de Will Durant, „La Grandaj Filozofoj."

Peze pasis sorto super li. Dum la bombardado de Varsovio, lia loĝejo estis komplete detruita, li mem malsana, estis transportita en kelon. Kaj li finis sian vivon en mizero, spirite vigla kaj animforta. Ke la tero estu malpeza por li.

| | |
|---|---|
| Dum miaj jaroj junaj | En miaj junaj jaroj |
| La tagoj estis pli sunaj | Belaj odoroj kaj klaroj, |
| Pli bela estis somer' . . . | Fluadis el flor'del'am' . . . |
| Nun mondo iĝis alia, | Hodiaŭ vane la koro |
| Malĝoja ombro ia | Serĉas je tiu floro |
| Nun kuŝas super la ter'. | Nubego ĝin kovris jam. |

de Asnyk, trad. Belmont

**Sinjoro Hieronides Taciano Bellez,** ano de Brazila Klubo Esperanto kaj de internaciaj organizaĵoj.

**Sinjoro George Douglas Buchanan,** Glasgow, 67 jaraĝa. Per la morto de G. D. B. malaperis eble la lasta el la unuaj membroj de la Londona Klubo, fondita 1903, al kiu apartenis tiom da distingaj figuroj de nia movado. Malavara subtenanto de Esperanto, Esperantisto n-ro 8820, laŭ la fama adresaro de D-ro Zamenhof. G. D. B., partoprenis aktive en internacia kaj nacia laboro, okupis honorpostenojn en Brita Esperanto Asocio kies prezidanto li estis de 1936 ĝis 1939; en UEA li estis Delegito en Glasgow de 1910 ĝis 1925 kaj ankaŭ Dumviva Membro, n-ro 100.

**F-ino J. Maud Inman,** en Halstead, 93 jaraĝa, 23 Aprilo 1941. Esperantistino de 1907. Tradukis „Gulivero en Liliputlando".

**Sinjoro William Robert Mackay,** Ilford, Britujo, 16a de Aŭgusto 1941. Prezidanto de la loka grupo, multvojaĝinta samideano. Estinta ano 40876 de UEA.

**Sinjoro Jozefo Mâtyâs,** en Debrecen, Hungarlando, 43 jaraĝa. Instruis nian lingvon dum somerkursoj en la universitato de Debrecen. Specialiĝis observi tekstojn de lernolibroj pri Hungarlando, korektis erarojn kaj atentigis verkintojn kaj eldonintojn.

**Sinjoro Basil Patras Megahy,** 20 Junio 1941, 88 jara en Preston, Britujo. Aliĝis al BEA en 1908, al UEA en 1913 kiel Dumviva Membro 104, konata kvakero, gastema viro.

**Sinjoro D. A. Monk,** Birkdale, Britujo, sekve de milita ago. (sen indiko de dato)

**Sinjorino Marguerite Pierrat,** Genève, 28 jaraĝa, anino de loka grupo esperantista.

**Sinjoro Brian Price-Heywood,** bonkonata esp. kvakero pereis dum subakvigo de ŝipo, reveturinta al Britujo de Insulo Pemba en Hinda Oceano. Dum kelkaj jaroj ano de UEA, n-ro 26870 kaj licenciato de Brita Esperanto-Asocio. (Laŭ B. E. 437/438)

**Sinjoro James Pringle,** 27 Julio, 84 jaraĝa en Edinburgo. Li aliĝis al BEA en 1908, al UEA li partoprenis dum kelkaj jaroj.

**Sinjoro Tacuiĉiro Sigemacu,** 72 jaraĝa, en Kagoŝima, Japanujo. Profesoro en Imperia Kolegio Agronomia kaj Arbarscienca de Kagoŝima, ĉefloko provinca (sur Kjuŝju-Insulo). Malnova esperantisto, prezidinto de pluraj societoj kaj pacienca kursgvidinto. Lia tuta familio lernis la lingvon kaj formis veran rondon familian, esperantistan. Kiel specialisto agronomia li faris ŝatindajn servojn al sia lando, interalie li kreis valorajn specojn de rizo.

**Sinjoro Kunitaro Takahaŝi,** 73 jaraĝa, 18 Junio 1941, Shizuoka. Konata homo kaj nomo . . . . pioniro el 1904, restinta fidela al juneca emo, tiel oni povas karakterizi forpasintan japanan samideano Takahaŝi. Inter liaj verkaĵoj en Esperanto estas citinda la „Orienta Almanako", hodiaŭ ne plu havebla libro. Li kunverkis al gazetoj kaj havis vastan korespondadon kun ĉiulandaj esperantistoj. Ano 3722 de UEA dum 15 jaroj.

**Sinjoro Lauriano das Trinas,** pioniro de la movado en Brazilo, dum Julio 1941, kunfondinto de Brazila Klubo kaj de la Brazila Ligo. Eks-membro de UEA 39434.

**Sinjoro Ludoviko Varga Lajos,** hungara samideano el Nagyszalonta, sur batalkampo.

**Sinjorino Helene Zamenhof,** onklino de Sofia kaj Lidia Zamenhof, Varsovio. (Dato ne komunikita)



# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

PALAIS WILSON - GENÈVE (SVISLANDO)

## Oficiala Informilo 1942 - N-ro 1

**Favora abono:** Esperantistoj en Britujo, kiuj deziras aboni la gazeton, sen aliĝo al UEA kaj sen premio de kotizanto, povas profiti la favoran abonon, kreitan por tiu ĉi celo. La tutjara abono 1942 kostas 5 ŝilingojn, pageblajn al la Ĉefdelegito, A. E. Hepton, 10 Linden Avenue, Cottingham, Yorkshire.

**Gazeto:** Pro la novaj cirkonstancoj, funde ŝanĝintaj nian agadplanon, ni devis adapti la financojn al tio. Pro tio ni decidis, ne aperigi plian numeron en la jaro 1941. Dum 1942 aperos, se ne ŝanĝos la kondiĉoj denove, 6 numeroj kun 50 paĝoj da teksto. Granda komplikaĵo nuna estas la malfrua ricevo de informoj, kio devigas atendi. Kaj ESPERANTO estas ĉefe esperantista periodaĵo, ligilo inter la samideanoj en la landoj atingeblaj per la poŝto. Sekve ni devas kunigi la maksimumon da **informoj esperantistaj.**

**Nova premio 1942.** Ni estas kontentaj povi liveri premion ŝatatan, nome la valoran libron **Fundamenta Krestomatio.** Membro-Abonanto por 1942 rajtas elekti ĝin kiel premion.

**Bulgara teritorio:** Ni informas, ke denove la adreso de la ĉefdelegito bulgara estas: Radoslav Kr. Trickov, ul. Knjajevska 63, en Vratza.

**Pagoj en Italio:** Oni povas pagi el Italio al ni per internacia poŝtmandato. Se tio estas tro komplika, oni pagu al S-ro Piero U. Bracci, Via Cecconi 4, Livorno.

**Novaj lokoj kun Delegitoj:**

En jenaj lokoj estas elektitaj kiel Delegitoj:

**Barcelona** (Hispanujo) — D.: Fernando Montserrat, komercisto, Provenza 75.

**Estavayer-le-Lac** (Svis., Friburgo) — D.: Edouard Waldvogel, pastro.

**Santarém** (Portugal.) — D.: Akimo Felix Kampano, koloristo, Str. Tenente Valadim 28.

**Marseille** (Francujo) — D.: Jean Beau, profesoro, 21-a Bd Faidherbe.

**Morges** (Svis., Valdo) — D.: Charles Jayet, komercisto, Grand'Rue.

**Stockholm** (Svedlando) — D.: L. L. Landin, ekspedisto Alströmergatan 32.

VD: Sigvard Hakansson, poŝtoficisto, Asögatan 148.

**Toulouse** (Francujo) — D.: Jean Laffon, oficisto, 12 rue d'Embarthe.

**Tramagal** (Portugalo) — D.: Manuel das Dores Mendes.

## Esperantista Interhelpo

### Helpo Grau Casas

Kiel sekvo de la alvoko favore de samideano Grau Casas, alvenis la jenaj donacoj:

S-ino Lilian Benoist, Le Cannet, A. M., 50.— Fr. fr.; S-ro Fr. Soubranne, Tulle, 100.— Fr. fr.; S-ro Witschi, Biel, 1.— Fr. sv.; S-ro D-ro M. Jaccard, Zürich, 10.— Fr. sv.; S-ro Georges Stroele, Neuchatel, 5.— Fr. sv.; S-ro D-ro Edmond Privat, Locarno, 10.— Fr. sv.; S-ro Paul Bouvier, Genève, 3.— Fr. sv.; F-ino Hélène Monod, Morges, 15.— Fr. sv.; Kolekto dum Zamenhofa vespero en Genève: 32.—.

Kune 79.— Frk. sv.

### Esperantistaj militinternigitoj

**Józef Dabrowski,** pola soldato, internigita en Hungarlando Nuna adreso: **u. p. Nagycenk, Sopron m.,** Kiscenk-Gyüjtötábor.

**S-ro Leonard Hudowicz,** (pola soldato): Camp Militaire d'Internement, **Oberalpsee,** Uri, Svislando.

### Esperantistaj rifuĝintoj

Sinjoro Henriko Fischer-Galati, eksprezidanto de Rumana Esperantista Societo, dumviva membro de UEA troviĝas nun en Istanbul.

S-ro Francisco Miro, Marquixanes, Pyrénées Orientales.

### Civilinternigitoj

S-ro Jakob Jurysta, (de Varsovio) loĝinta en Parizo: Nun Camp de Pithivier, Loiret, Francujo, okupita zono.

### Gazetoj ricevitaj

**British Esperantist** (Sept. Okt. kaj Nov. Dec.). — Svisa Espero (N-roj 4, 5) — Satana Bulteno, Los Angeles, (4, 5) — Renovigo, Mexico, (Oktobro) — La Semanto, Lausanne, (Septembro, Oktobro) — Tagiĝo, Bulteno de Hongkonga Esperanto-Asocio, (N-ro 31/32) — O Brasil Esperantista (Julio-Aŭgusto) — Hungara Heroldo (Oktobro) Sveda Esperanto Tidningen (Novembro) — Pernambuco Esperantista (Aŭgusto) — Heroldo de Ĉinio (Junio, Julio) Bulgara Esperantisto (1—2) — La Revuo Orienta (Aŭgusto kaj Septembro) — Frateco (Oktobro).
Esperanto-Internacio, Sept.—Okt. 1941 — Comprendre, Oktobro — Heroldo de Ĉinio, Oktobro — Hungara Heroldo, n-ro 4.



Presis: E. Schoop & K-io, Urnäsch